# ESPERANTISTO SLOVAKA

**N-ro 1/2002**

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto Váňa


*Karaj geamikoj!*

*Permesu al mi, ke mi alparolu vin okaze de mia nova funkcio - prezidantino de SKEF. Estas kutime danki por la konfido, kiun oni ricevis de siaj voĉdonantoj. Sed nuna situacio estas iomete alia. Mi petas vin ĉiujn pri helpo. La helpon petas mi ne nur por mi, sed por la tuta nia organizo, ke ni trovu por ĝi pli vastan kaj pli favoran spacon en nia lando.*

*Forpasis nia eminenta esperantisto kaj multjara funkciulo. Estos tre malfacile daŭrigi en lia laboro. Sed ni ĉiuj devas klopodi. Dependas de ni, ĉu la laboro kaj klopodo de niaj elstaraj esperantistoj, kiel estis Váňa, Rosa, Tvarožek, Zvara kaj aliaj, ne restos vana. Ili indikis por ni vojon, laŭ kiu ni povas daŭrigi.*

*Mi supozas, ke en nia lando Esperanto-movado povas havi bonan perspektivon. Ja inter ni troviĝas bonaj lingvistoj, verkistoj (de poezio, prozo, lernolibroj, vortaroj), ni havas bonajn instruistojn, organizantojn kaj multajn aliajn fakulojn. Ĉu tio ne estas valida devizo por disvolviĝo de nia movado? Estas inter ni multaj pensiuloj, kiuj volonte dediĉas sian liberan tempon al tiu ĉi nobla ideo. Kaj male, multaj, kiuj estas okupataj, sian tempon dividas inter siaj devoj kaj Esperanto. Tio estas tre pozitiva por nia movado. Ili povas alproksimigi samtempan okazadon en la mondo al Esperanto kaj montri la direkton, kiel eluzi eblecojn kaj spacon, kiuj povas esti favoraj por nia lingvo.*

*Tial mi petas ĉiujn esperantistojn, ne restu en la ombro! Ĉiu el vi havas bonajn ideojn, spertojn, kapablojn. Disdividu ilin kun la aliaj.*

*Por la jaro 2002 ĉiuj niaj teritoriaj organizoj proponis siajn aranĝojn, kaj vere interesajn. Estu nia devo plenumi ĉiujn punktojn, montri al neesperantistoj, kio estas alloga, interesa en nia movado. Ili vidu, ke Esperanto ne estas nur lingvo, sed ĝi estas ponto de amikeco, nobla ideo, kiu kunigas homojn de la tuta mondo.*

*Firman sanon kaj multajn sukcesojn en la poresperanta laboro al ĉiuj el la tuta koro deziras*

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ*

## Enhavo



## Abonpago

Abonpago de Esperantisto Slovaka estas libervola. Ni petas vin, ke minimuma sumo estu 200,- slovakaj kronoj por jarkolekto (por civitanoj en Slovakio), ĉar tia estas reala budĝeta prezo. Vi povas pagi per la poŝtpagilo "A" laŭ la ekzemplo en la n-ro 3/1999.

Nomo de la banko: **POĽNOBANKA POPRAD**
numero de la konto: **354 16 89/1200**
nomo de la konto: **SKEF, SLOVAKIA ESPERANTA FEDERACIO, SLOVENSKÁ ESPERANTSKÁ FEDERÁCIA, Sobotské nám. 36, 058 01 POPRAD**
**IČO: 36155543.**

Bonvolu sendi al la adreso de ekonomiisto ankaŭ fotokopion de la poŝtpagila kupono. Ĉe via komuna kelkpersona pago ni petas sendi la liston kun ĉiuj nomoj kaj adresoj. La redakcio kore dankas al vi.

**Peranto por Ĉeĥa respubliko estas Vladislav HASALA, A. Dvořáka 1, CZ - 696 62 STRÁŽNICE.**

***La eldonantoj pardonpetas al tiuj, kiuj malgraŭ sia malavara abondonaco ricevis pasintjare atentigon pri nepago.***
***Ni petas vin resti niaj amikoj kaj legantoj malgraŭ la administra fuŝaĵo.***
***Ni klopodos eviti la erarojn.***

***Por la kontribuaĵoj al la kuranta numero ni dankas al:***
*K. Bodnárová, M. Feifičová, E. Geleta, J. Gondžúr, M. Minich, V. Němec, Z. Pálfyová, P. Petrík, J. Rechtorisová,M. Tomašovičová*

Fino de la redakta laboro: 30-06-2002
Eldonkvanto de la numero: 200 pecoj

***Redakta konsilantaro:***
Ľubomír FAJTH
Katarína BODNÁROVÁ
Magdaléna FEIFIČOVÁ
*teknika redaktorino*
Vladimír NĚMEC
*lingva redaktoro*

***Adreso de la redakcio:***
Ľubomír FAJTH
Rozkvet 2023/45-17, 017 01 POVAŽSKÁ BYSTRICA
*tel.: 0907/486-866*
*retpoŝto: esperanto@bb.telecom.sk*

***Adreso de la ekonomiisto:***
Ladislav NULLASZ
Záborského 2914/7, 058 01 POPRAD
*tel.: 0905/226-925*
*retpoŝto: laoc@post.sk*

*La kontribuaĵojn por la n-ro 2/2002 ni atendas ĝis la 25a de aŭgusto 2002*

## EMAKARO

Esperantista Malgrandkarpata Renkontiĝo okazis en Bratislava kaj ties ĉirkaŭaĵo sabate la 15-an de septembro 2001. Kvankam la tuta semajno estis plena de pluvo, sabata vetero estis milda kaj permesis al turistoj viziti *Malgrandajn Karpatojn*, kiuj estis freŝaj, banitaj kaj sukplenaj de ĉielaj gutoj. Al marŝado helpis kantado de E-kantoj, ekzemple *Mariŝa kisu min*... Samtempe okazis en la ekumena domo *Quo Vadis* IKUE-jarkunveno, kiun gvidis Dr. M. ŠATUROVÁ.

*JaR*

## ĈEDANUBA ESPERANTA RENKONTIĜO en Štúrovo kaj Esztergom

La 13-an de oktobro 2001 OSES realigis unutagan Esperantan renkontiĝon.
Ĝi ligiĝis al la kvartagaj solenaĵoj
okaze de la transdono de la renovigita Danuba ponto de Mária-Valéria.

*La ponto, kiu ligas la slovakan Štúrovo kaj la hungaran Esztergom, ricevis sian nomon laŭ la princino Mária Valéria, filino de la imperiestro Francisko-Jozefo la unua. La origine 494 metrojn longa kvinfaŭka ponto estis transdonita al la uzantoj la 28-an de septembro 1895. Ĝi funkciis ĝis 1944, kiam la retiriĝanta germana armeo eksplodigis la tri mezajn partojn de la ponto. La bela princina ponto fariĝis morta por multaj jaroj; ĝi estis la sola ponto de Danubo, kiun oni post la dua mondmilito ne rekonstruis. Pasis 57 jaroj, ĝis kiam la 11-an de oktobro 2001 kolektiĝis ĉe la renovigita ponto la hungara kaj slovaka ĉefministroj, reprezentantoj de Eŭropa Unio kaj de ambaŭ ĉebordaj urboj kaj kune kun multaj kunfestantoj denove ekuzis ĝin. Pri la historio de la du urboj kaj ilin kunliganta ponto informis ekspozicio, aranĝita en la malnova renovigita doganejo de Esztergom.*

*La urbo Esztergom estas la centro de la hungara katolika eklezio. Tie naskiĝis la reĝido, konata el la historio kiel Sankta Stefano, la unua reĝo de hungaroj, fondinta en Estergom ĉefepiskopejon. La tiea baziliko estas la plej granda preĝejo en Hungario. Ĝiaj kolonoj imponas per sia 22-metra alteco, la kupolo havas 71,5 metrojn kaj la bildo de la ĉefaltaro estas unu el la plej grandaj altarbildoj de la mondo. La konstruaĵo mem devenas el la jaroj 1822-1869. Franz Liszt mem komponis kaj dirigentis la meson, dum kiu oni konsekris la bazilikon. El la balkono de ĝia kupolo vidiĝas belega panoramo de ambaŭ urboj sur danubaj bordoj, vokantaj al la refojaj vizitoj.*

*Zlatica PÁLFYOVÁ*

## VIZITO en Vieno

La 15-an de decembro 2001 (naskiĝtago de D-ro L. L. Zamenhof) grupeto da bratislavanoj kaj Ernő GELETA kun sia ĵusa bulgara gasto vizitis ĉi festoaranĝon.

Post la oficialaj salutoj, paroloj kaj „La Espero” inter la pridonacitaj personoj (per belegaj vivantaj florbukedoj) estis niaj du anoj: nome Alica KOMLÓŠIOVÁ pro la plurfoja organizado kaj reprezentado de bratislavanoj en ĉi festotago, kaj E. GELETA pro sia kvarvoluma (2 500 ŝercversa) vortaro kun aliaj 25 libroj kaj broŝuroj.

*Mi*

# La 3-a Esperanta Filmfestivalo EFIFO en Bratislava



La pola Kultur-Instituto en la ĉefurbo Bratislava gastigis la 24-an de novembro 2001 jam la trian fojon geesperantistojn. Tie organizis la Okcidentslovakia Esperanta Societo OSES sian 3-an Esperantan Filmfestivalon.

Krom projekciado de Esperantaj filmoj okazis prelego pri ekoturismo, pri la eldonejo *KAVA-PECH* kun prezento de kelkaj ĝiaj eldonaĵoj. Krome estis ekspoziciitaj bildkartoj kaj kovertoj havantaj poŝtmarkojn el la tuta mondo. Funkciis ankaŭ libroservo de OSES.

La projekciadon de Esperantaj filmoj

- ***E-komunikado kaj kaj kulturo*** *- filmo pri UK en Prago 1966,*
- ***Stanjo*** *- rememoriga filmo,*
- ***El dokumentoj de Leonardo*** *- festeno de la 50-jariĝo de Petro Chrdle kun estraranoj de ĈEA,*
- ***Pasporto al la tuta mondo*** *- parto de Esperanta kurso,*
- ***Kristnasko en Salvadoro**, **Bona Espero** - filmo pri laboro de geedzoj Grattapaglia en Brazilo, praktika edukado de infanoj helpe de Esperanto,*
- ***Diina bikso*** *- japana gimnastikado*

aranĝis Nataša ŠÁNDOROVÁ.

Pri ekoturismo kaj pri la eldonejo *KAVA-PECH* prelegis Petro CHRDLE el Ĉeĥio. La prezentitaj diversaj ĉeĥaj, slovakaj, germanaj kaj esperantlingvaj lernolibroj, vortaroj kaj romanoj de la eldonejo *KAVA-PECH* estis ankaŭ aĉeteblaj.

La ekspoziciitajn bildkartojn kaj kovertojn pruntedonis por EFIFO Jozefo KRISTIÁN, pri kies interesa kolekto rakontis al la ĉeestantoj Zlatica PÁLFYOVÁ.

Inter 14 partoprenintoj de la 3-a EFIFO estis du el Ĉeĥio kaj unu el Kroatio.

*Mi esperas, ke en la jaro 2002*
*la organizantoj sukcesos denove aranĝi Esperantan Filmfestivalon,*
*per kio ni prezentos uzeblecon de Esperanto sur la teritorio de filma mondo.*

*Zlatica PÁLFYOVÁ, OSES*

# NI KONGRESIS EKSTERVICE



*Dum la 2-a kongreso de SKEF en la jaro 2001 estis elektita estraro kun la prezidanto Milan ZVARA. Lia morto en januaro 2002 necesigis kunvokon de ekstervica kongreso, kie oni elektu novan prezidanton de nia Federacio. Tia „laborkongreso" okazis la 19an de majo 2002 en ŽILINA, organize de la loka E-grupo, gvidata de Juraj GONDŽÚR. La konferencejo kaj sampemte la tranoktejo por la partoprenantoj el foraj lokoj estis „Ubytovňa Stavbár".*

***Frunte de SKEF Mária TOMAŠOVIČOVÁ***

El la 27 partoprenantoj de la laborkongreso la 17 estis delegitoj, rajtigitaj de siaj regionaj organizoj baloti. Rezulte de iliaj voĉdonoj la unuan fojon en nia historio la prezidanto de la landa organizo fariĝis virino: Mária TOMAŠOVIČOVÁ el Nové Mesto nad Váhom. Kiel la vicprezidanto estis elektita Juraj GONDŽÚR (Žilina), kiel la mastrumanto plu funkcios Ladislav NULLASZ el Poprad kaj funkcion de la revizoro plenumos Katarína PUCHÁ el Košice.

***Jaro de perdoj***

La periodo de la 2a kongreso en la jaro 2001 ĝis la ĉi-maja laborkongreso alportis forpason de kvar niaj gesamideanoj: Inĝ. Milan Zvara, Inĝ. Štefan Žolnay, Katarína Pretschnerová kaj Eva Benická.

***Esperanto-heredaĵoj savotaj***

Solvon por la arĥivado de la postlasitaj E-dokumentoj, libroj, revuoj trovis J. Gondžúr. Laŭ la planoj aŭtune jam ekuzeblos la SKEF-arĥivo en la vilaĝo Udiča apud Považská Bystrica. Detalajn informojn pri ĝi vi trovos en la venonta numero de ES.

***Esperantisto Slovaka venos el Žilina***

Martin MINICH, kiu respondecis pasintjare pri la enkomputila preparo de la revuo, redonis la taskon pro la troa laboreja okupiteco. La redaktorino Katarína BODNÁROVÁ ekde ĉi-jaro ofte forestos eksterlande, tial ne povas daŭrigi la laboron.
La nova redakta konsilantaro de ES konsistas el Ľubomír FAJTH, Pavol PETRÍK, Vladimír NĚMEC (lingva redaktoro) kaj Magdaléna FEIFIČOVÁ (teknika redaktorino). Mankas

respondeca redaktoro. La revuo aperos ĉi-jare nur en du numeroj en la A5-formato. Pro tumultoj en ĝia pasintjara eldonado ĝi aŭtomate iros al ĉiuj siaj pasintjaraj abonintoj.

***Kiel ni mastrumas?***

Pri la financoj en la pasinta kalendara jaro raportis la mastrumanto de SKEF Ladislav NULLASZ. La ĝenerala situacio estas jena: enspezoj 48 489,43 Sk, elspezoj 41 913,30 Sk, al la 31-a de decembro 2001 restas 14 418,24 Sk.

***Aliĝu al la lingva ekzameno!***

La materialoj por la federaciaj lingvaj ekzamenoj estas prepatitaj. Vladimír NĚMEC ekde la venonta lerneja jaro gvidos preparseminarion. La interesiĝantoj kunvenos ĉiumonate dum unu sabato aŭ dimanĉo en Žilina. La sudslovakianoj povas prepariĝi ĉe Ernest GELETA.

***Atendas solvon***

La morto de Milan ZVARA signifas por ERSO esencan perdon. La granda orientslovakia regiono restis sen sia sperta gvidanto, administranto, organizanto. La antaŭe anoncitaj aranĝoj estas nuligotaj kaj ni atendas la internan reorganiziĝon de tieaj esperantistoj.

***Elstaras la turistoj***

Ĉar evidentiĝis, ke plej sukcesaj aranĝoj ĉe ni estas tiuj, kiuj ligiĝas al turismado, ekde ĉi-laborkongreso ekfunkciis aparta laborkomisiono pri turismo. Ĝiaj membroj estas: Miroslav VALÁŠEK, Vladimír SUROVČEK kaj Jana MITAŠOVÁ. En la prepara stato estas ankaŭ la kreo de interreta komisiono.

***Laboru kaj kunlaboru***

La reprezentantoj de la unuopaj regionaj organizoj prezentis dum la laborkongreso siajn pasintjarajn aranĝojn, menciis la planatajn kaj atentigis pri kelkaj de aliaj E-asocioj. Evidentas, ke malgraŭ la malfacilaĵoj la E-agado en Slovakio ne ĉesis kaj ne ĉesos.

*S-ino Helena SERES, kiu gvidis la laborkongreson,*
*kaj la novelektita prezidantino de SKEF Mária TOMAŠOVIČOVÁ*
*fermis la aranĝon dankante la faritan laboron*
*kaj petante ĉies aktivan kontribuon en la estonto.*

*Katarína BODNÁROVÁ*

# SKEF - KALENDARO DE E-ARANĜOJ
## ekde majo 2002 ĝis junio 2003

| | | | |
|---|---|---|---|
| **15. 6. 2002** | *Dunajská Streda* | **5-a Esperanto-bazaro** | *OSES* |
| **16. 6. 2002** | *Čantoryja* | **Ĉeĥa, pola kaj slovaka turisma renkontiĝo sur la montopinto Čantoryja** | *MEL* |
| **junio-septembro 2002** | *Udiča* | **Laborbrigadoj - preparado de SKEF-arkivo** | *MEL* |
| **24. 8. 2002** | *Martin* | **Vizito de Martin - tomboj de esperantistoj, Muzeo de Martin Benka** | *ESO* |
| **29.8.-1.9.2002** | *Altaj Tatroj* | **Ni konu Tatrajn montopintojn** | *MEL* |
| **14. 9. 2002** | *Bratislava - Rača* | **Tago de vino - vinberrikolto** | *OSES* |
| **14. 9. 2002** | *Hainburgo* | **EMAKARO (E-Malgrandkarpatia renkontiĝo)** | *ESO* |
| **27. - 29. 9. 2002** | *Okcidentaj Tatroj - Roháče* | **Žilina turisma aŭtuno en Roháče** | *MEL* |
| **5. 10. 2002** | *Komárno* | **Ĉedanuba E-renkontiĝo** | *ESO* |
| **19. 10. 2002** | *Komárno* | **Turisma renkontiĝo** | *OSES* |
| **23. 11. 2002** | *Bratislava* | **4-a EFIFO (Esperanta Filmfestivalo)** | *OSES* |
| **14. 12. 2002** | *Vieno* | **AEROB - Antaŭkristnaska E-renkontiĝo en Vieno okaze de la naskiĝtago de Zamenhof** | *ESO* |
| **3.-6.1.2003** | *Liptovský Ján* | **Poludnica - vintra grimpado kaj renkontiĝo de esperantistoj-vojaĝantoj** | *MEL* |
| **8. 3. 2003** | *Bratislava* | **Jarrenkontiĝo - konferenco de OSES** | *OSES* |
| **11.-13.4.2003** | *Handlová* | **Jarrenkontiĝo - 8-a konferenco de MEL** | *MEL* |
| **19. 4. 2003** | *Bratislava* | **Jarrenkontiĝo - konferenco de ESO** | *ESO* |
| **aprilo 2003** | | **Per biciklo laŭlonge de Danubo - la 5-a etapo** | *MEL* |
| **26. 4. 2003** | *Červený Kameň* | **Turisma renkontiĝo en Zochova chata** | *MEL* |
| **majo 2003** | *Banská Štiavnica* | **Jarrenkontiĝo - kunveno de SKEF** | *ESO* |
| **15. 6. 2003** | *Čantoryja* | **Ĉeĥa, pola kaj slovaka turisma renkontiĝo sur la montopinto Čantoryja** | *MEL* |
| **21. 6. 2003** | *Dunajská Streda* | **Esperanto-bazaro** | *OSES* |

**Korespondaj adresoj:**

**SKEF:** Mária TOMAŠOVIČOVÁ, kpt. Uhra 9, 915 01 NOVÉ MESTO nad Váhom; tel.: 032/7713-536, *e-mail: valapka@stonline.sk*

**ESO:** Alica KOMLÓŠIOVÁ, Rovníková 6, 821 02 BRATISLAVA; tel.: 02/4329-1604

**ERSO:** ESPERANTO - Regionálne združenie, Sobotské nám. 36, 058 01 POPRAD

**MEL:** Esperanto - MEL, P.O.Box B-152, 012 41 ŽILINA; *tel.: 0903/552-152 (Juraj GONDŽÚR), e-mail: gondzur@urap.sk*

**OSES:** Nataša ŠÁNDOROVÁ, Záhrebská 4, 811 05 BRATISLAVA; tel.: 02/5249-4587, *e-mail: nasta@nextra.sk*

# KIEL RILATAS VIA FAMILIO AL VIA ESPERANTISTECO?

*Ĉu pozitive? Ĉu la familianojn tute ne interesas via esperantista vivo?*
*Aŭ vi estas rigardata „nigra ŝafo" de la familio ĝuste pro viaj ligoj al Esperanto?*
*Krom ĉi-variaĵoj certe ekzistas amaso da nuancoj kaj ni petas vin, priskribu vian propran sperton.*
*Ni volonte aperigos ĝin en la venonta n-ro de nia revuo.*
*Por komenci, ni starigis la demandon al Mária Tomašovičová kaj Martin Minich. Jen iliaj respondoj:*

Mia edzo ne vivas plu, sed li estis tre tolerema al mia Esperanto. Li konsideris ĝin mia hobio. Li estis fiŝkaptisto; mi toleris tion.

Mia filino scias, kio estas Esperanto. Ŝi konas kelkajn mallongajn E-poemojn. Ankaŭ ŝi partoprenadis iam kunvenojn, ekz. en Bezovec, tie ŝi eĉ deklamis poemon, kiun verkis por ŝi E. V. Tvarožek. Ŝi estas jam plenaĝa, havas gefilojn kaj ne havas tempon por Esperanto.

Mi volus, ke mia nepo scipovu Esperanton, sed ĝis nun mi, bedaŭrinde, ne sukcesis ĉe li. Tamen, la esperon pri tio mi daŭre tenas. Li almenaŭ simpatias Esperanton. Mia tuta familio simpatias kun mi kaj samtempe Esperanton.

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ*

Tio diversas. Mia fratino simpatias kaj ĉiam diradas, ke ŝi komencos lerni Esperanton, kaj eble ŝi komencos lerni ktp., sed serioze ŝi ankoraŭ ne komencis. Mi provadas al ŝi paroli Esperante, ion ŝi komprenas, sed post mallonga tempo ŝi haltigas min: "Ĉesu, ĉar mi nenion komprenas!"

Mia panjo ankaŭ simpatias. Mi eĉ pruntedonis al ŝi mian E-poŝvortaron, kie estas priskribita ankaŭ la gramatiko. Ŝi promesis, ke ŝi legos tion ktp., sed kia estos rezulto, mi ankoraŭ ne scias.

Kaj paĉjo. Bedaŭrinde lia opinio estis esprimita tre klare: „Vi perdas vian tempon pro tiu kadavro!" En lia firmao oni volas igi siajn dungitojn, ke ili lernu la anglan. Mia paĉjo iomete komencis, strebas ellerni iom la anglan kaj bedaŭrinde li ne konscias, ke se Esperanto anstataŭus la anglan, li havus pli facilan taskon.

*Martin MINICH*

# PASPORTA SERVO - tre bona rimedo por trovi geamikojn

Mi estas tre feliĉa, ke mi aliĝis al la tutmonda reto de esperantistoj, kiuj senpage gastigas aliajn esperantistojn en siaj hejmoj. Ĝi estas tre bona rimedo por trovi geamikojn, ekkoni novan kulturon, pensmanieron, tradiciojn kaj kutimojn. Ĉi-jare vizitis min unu juna gefianĉparo el Pollando, kiuj partoprenis Internacian Junularan Festivalon en Italio kaj post sufiĉe longa vojaĝo hejmen ili volis iomete ripozi kaj en PS ili trovis mian adreson. Estis tre agrable paroli kun ili, kvankam ili gastis ĉe mi nur por unu nokto. Imagu, ke unufoje telefonis al mi unu esperantisto el Francio, kiu volis helpon koncerne unu slovakan vorton (salaš). Li trovis mian telefonnumeron ĝuste en PS. Bedaŭrinde mi ne havis multajn gastojn, ĉar mia vilaĝo ne estas tiel konata kiel la Altaj Tatroj aŭ aliaj lokoj en Slovakio.

*Pavol PETRÍK*

## UEA NOMUMIS LA ĜENERALAN DIREKTORON KAJ LA REDAKTORON DE LA REVUO *ESPERANTO*

Laŭ la *Gazetaraj Komunikoj de UEA, n-ro 141 (fonto: ret-info http://www.eventoj.hu)* la estraro de UEA nomumis ekde la 1-a de januaro ĉijara la agantan ***ĝeneralan direktoron*** por la jaro 2002-a. Temas pri **William Trevor STEELE**, kiu naskiĝis la 14. 05. 1940 en Mareeba, Aŭstralio, kaj havas aŭstralian naciecon. Li estas vaste konata kiel instruisto en pluraj landoj kaj sukcesa verkisto.

La estraro nomumis ankaŭ la ***redaktoron*** de la revuo *Esperanto* de UEA por la jarkolekto 2002-a, la 48-jaran **Stano MARČEK** el Slovakio, kiu havas longan historion de redaktado de pluraj revuoj landaj kaj internaciaj. Li estas konata ankaŭ kiel aktivulo sur pluraj kampoj de la movado (fondo de la junulara sekcio, instruado ktp.).

Laŭ la *Gazetaraj Komunikoj de UEA n-ro 149 (fonto: Interredaktore <oficejo@eventoj.hu>)* ili ne plu estas provizoraj. Trevor STEELE restos la ĝenerala direktoro de UEA ankaŭ dum minimume sekvaj tri jaroj. Tian decidon unuanime akceptis la estraranoj de UEA dum la maja kunsido en Roterdamo. Sekve de ĉi decido el lia titolo elfalas la vorto „aganta". Daŭrigon de la kontrakto por la 2003-a jaro ricevis ankaŭ la nova redaktoro de la revuo *Esperanto* Stano MARČEK.

La agadoj de ambaŭ dum la unuaj monatoj de tiu ĉi jaro estis karakterizitaj kiel „etaj mirakloj": Trevor sukcesis ekvilibrigi, normaligi kaj parte progresigi la situacion en la Centra Oficejo, Stano - akuratigi kaj plivigligi la revuon *Esperanto*.

## ESPERANTISTOJ SUR LA PLACO DE SANKTA PETRO

„Bonan Paskon, en Kristo resurektinta". Per ĉi salutvortoj jam antaŭ ok jaroj, en 1994, dank' al Johano Paŭlo la dua Esperanto ricevis la plej vastan aŭskultantaron en sia pli ol centjara ekzisto: nian lingvon aŭdis pli ol unu miliardo da homoj.

Ankaŭ dum ĉi-jara Pasko, la 31-an de marto 2002 la papo en Romo uzis Esperanton por sia beno *Urbi et Orbi*, kaj sur televidekranoj vidiĝis granda surskribo „Esperanto".

En multaj ĵurnaloj de la tuta mondo (kaj ankaŭ sur la ekrano de la slovaka televidkanalo *Markíza*) aperis fotografaĵo de AP (Asociated Press), kiu montras la plenplenan placon de S-ta Petro en Romo kun la grandlitera vorto ESPERANTO. Ĉi-fotojn oni povas vidi sur la paĝo *http://photos.yahoo.com/dafyddapfergus* alklakante al *„Mail Attachments"* kaj klako sur la fotoj por ilia pligrandigo.

Johano Paŭlo la dua estas proponita por la listo de cent personoj kun la plej granda kontribuo al nia lingvo.

*elinterrete: HEROLDO KOMUNIKAS n-ro 158*
*europa-esperanto-unio@yahoogroups.com*

# LA 6-A MEZEŬROPA KONSULTIĜO

Ekde la 31-a de majo ĝis la 1-a de junio 2002 organize de Esperanto Societo Rijeka kunvenis en la fama adriatika urbo Kostrena - Rijeka la reprezentantoj de E-asocioj el Aŭstrio, Ĉeĥio, Hungario, Kroatio, Pollando, Slovakio kaj Slovenio.

Michela LIPARI, la estraranino de UEA pri landa agado, en siaj enkondukaj vortoj atentigis pri la funkcio kaj povo de la regiona kunagado.

Laŭkutime ĉiu landa asocio prezentis siajn lastjarajn atingojn. Kelkaj ekzemploj el ili: hungaraj esperantistoj agis festante sian tutlandan 100-jariĝon, en Pollando funkcias tri enretaj E-kursoj, kroatoj daŭre ĝuas ŝtatajn subvenciojn, en la *Teletex*-paĝoj de la Slovenia televido daŭre aperas semajnaj E-paĝoj, oran meritinsignon de Aŭstrio ricevis por sia E-agado la estro de aŭstriaj blinduloj, la ĉeĥa firmao *KAVA-PECH* baldaŭ prezentos al la esperantistaro la novan PIV...

SKEF estis reprezentita de Juraj GONDŽÚR kaj Katarína BODNÁROVÁ, kiuj konatigis la ĉeestantojn kun la aktuala situacio de la slovakia movado kaj prezentis la ĉefajn planojn de nia Federacio.

Estis interŝanĝitaj multaj ideoj, interkonsentita kunlaboro, sugestitaj ebloj, donitaj konsiloj. La prezidanto de Pola E-Asocio Stanislaw MANDRAK akceptis la taskon zorgi pri la kunordigo kaj informfluo inter la ĉeestantoj dum la venonta unujara periodo kaj en la jaro 2003 gastigi la reprezentantojn de la mezeŭropaj E-asocioj en suda Pollando.

*Katarína BODNÁROVÁ*




# NOMUMO DE LA STRATO OMAĜE DE MILAN ZVARA

En la estrarkunsido de Monda Turismo, okazinta en Bydgoszcz (Pollando) la 27an de aprilo 2002, kun ĉeesto de personoj el la tuta mondo, oni aprobis la jenan decidon: ... *la estraranoj interkonsentis, ke la 12a Ĝenerala Kunveno de Monda Turismo (kiel la supera gvidorgano de la asocio, kiu havas anojn en 64 landoj de la mondo) turnu sin al la Urba Estraro de Poprad kun la peto nomi straton, placon aŭ skvaron „Milan Zvara".*

La intenco estas ke, okaze de la 25-a Sanmarineca Universitata Sesio (SUS-24), kiu okazos en Nitra (Slovakio), de la 30-a de aŭgusto ĝis la 8-a de septembro de la nuna jaro 2002, se la propono al la Urba Registaro de Poprad estos akceptita de tiu Estraro, la partoprenantoj de tiu Sanmarineca Sesio vojaĝus al Poprad por unu tago, por ĉeesti la eventualan inaŭguron de la strato, placo, ktp, memore al nia kara Milan. Poste, kun tempo, oni preparus memorŝildon por tiu loko, pere de monkolekto.

*Augusto CASQUERO de la Cruz*
*vicprezidanto de „Monda Turismo Esperanto"*
*kaj Estrarano de Hispana Esperanto-Federacio*

# ... kun Stano MARČEK

***Dum longa tempo ni nenion aŭdis pri vi - kie vi estis?***



Jes, mi iom retiriĝis. Estas malfacile precize difini la kialon. Vidu: mi kun entuziasmo revivigis la mortintan gazeton, kiun mi dum jaroj redaktis, kaj mi komencis propramone eldoni ĝin, esperante, ke ĝi atingos la iaman eldonkvanton de 2-3 mil ekzempleroj (do abonantoj). Komencante de „nul abonantoj” mi fakte pli ol du jarojn obstine eldonadis la gazeton en pli ol mila eldonkvanto, konstante semante (sendante ĝin senpage al la tuta mondo) ĝis tia enŝuldiĝo, ke mi devis ĉesi por repagi la ŝuldojn per aliaj aktivecoj... Kiam la abonantaro atingis kian-tian nombron (400), mi plie malsaniĝis je koro kaj devis ripozi kelkajn monatojn. Sed la trajno intertempe haltis kaj mi - rezignis, ne plu havante monon nek fortojn por daŭrigi... Nu, mi malvenkis, bankrotis, enŝuldiĝis kaj malsaniĝis. La vivo min instruis, ke esperantistoj ne komprenos mian konduton (kaj mi eĉ ne emis ion klarigi) kaj ke oni kulpigos nur min. La historio ripetiĝas: kiam iu el ni falas en akvon, esperantistoj, anstataŭ doni helpan manon - riproĉas, kritikas, kalumnias.. Tio rememorigas min pri s-ano Zvara, homo, kiun mi ĉiam tre estimis kaj amis. Kiam tiu honesta esprantisto falis (ne proprakulpe) en akvon, oni preskaŭ dronigis lin...

***Ŝajnas, ke vi ne estas facile kontentigebla, ke vi daŭre serĉas ion, eble ion pli bonan, pli interesan...***

Vi pravas: mi estis konstruisto, majstro en paperindustria fabriko, manaĝero, direktoro en loka radio kaj de komerca firmao, redaktoro...
Kion diri? - Tion alportis la vivo, kiu ŝatas kaj ofte favoras la ŝanĝojn. Mia unua ŝanĝo (kiu kaŭzis la pluajn) estis mia „muzika aventuro”. Tiam mi forlasis mian unuan laborlokon kaj „foriris kun la cirko”. Por defendi min mi eble povas diri, ke tiu ŝanĝo tamen alportis pozitivajn rezultojn kaj ke ni ion atinigs: mi organizis al la grupo *Teamo* pli ol mil sukcesajn koncertojn, Teamo eldonis milionon da diskoj, dum kelkaj jaroj ĝi estis la plej furora muzika grupo en la tiama Ĉeĥoslovakio (dum tri sinsekvaj jaroj ni gajnis la unuan premion en la plej prestiĝa enketo Ora Najtingalo), ĝi propagandis Esperanton (eldonis diskon en Eo, faris koncertan turneon dum la UK en Brajtono, IJK en Kerkrade, SAT-Kongreso en Illertissen...) Sed la trajno haltis kaj mi ne sciis kion plu, do mi serĉis, perdinte la grundon sub la piedoj...

***Kia estas la rilato inter via esperantisteco kaj via familio?***

Mi havas harmonian familian vivon. Mia edzino Olga, kiu heroe eltenis mian muzikan aventuron (ĉu vi povas imagi tiun cirkon? - Jare pli ol cent grandaj koncertoj dise tra la tuta lando, hoteloj, studioj, radio, televido, fanoj...) - dece parolas Esperanton kaj la infanoj (Viktor: 19, Linda: 21) nur iomete. Mi ne volis trudi al ili la lingvon. Nur antaŭ nelonge ili mem ekinteresiĝis, mi do prenis ilin al Svislando, kie mi regule gvidas la kursojn kaj ili eklernis...

***Multaj homoj ekkonis vin pere de vegetarismo.***

Nia tuta familio vivas vegetare. Ni kredas ke tio estas pli bela maniero por kunVIVI kun la cetereaj animaloj, kun la naturo. Sed ni estas toleremaj al la ĉirkaŭaĵo kaj respektas ankaŭ aliajn opiniojn.

***Krom Esperanto per kio pleniĝas viaj tagoj?***

Mi ŝatas la naturon, kolektas fungojn, laboras en la ĝardeno, fotas, vojaĝas, gvidas E-kursojn, korespondas (lastatempe rete) kun geamikoj. La panon ĉiutagan tamen donas al mi komercado kaj tradukado (mi laboras hejme: rete, fakse, telefone).

***Ĉu vi povus iom rakonti pri la ekzotika Saipan?***

Estis unu el miaj plej fortaj travivaĵoj. Mi rete aliĝis al patenta konkurso - kaj venkis ĝin. Kiel premion mi ricevis flugbileton kaj monatan restadon sur la pacifika insulo Saipan (marianoj)... - Pri tio eble alifoje, ĝi estas tro vasta temo...

***Kio estas nun via ĉefa labor-ilo?***

Komputilo. Mi ne povas imagi mian laboron sen ĝi: per interreto mi korespondas, ricevas artikolojn kaj fotojn, per la komputilo mi komercas, tradukas, redaktas, enpaĝigas kaj grafike aranĝas Esperanton - kaj kiam ĝi estas preta, mi interrete forsendas ĝin al la presejo. Mi sincere admiras miajn antaŭulojn, kiel ili scipovis redakti kaj produkti aktualan gazeton sen komputilo kaj interreto.

***Ĉu vi iam sentas nostalgion pri la pasinto?***

Nostalgio? - Ne, mi klopodas vivi plene, absolute, en la nuntempo, kaj ĉion unuavide negativan mi kondsideras „la lernejo de la vivo”, dank’ al kiu ni fariĝis pli perfektaj. Mia ĝisnuna vivovojo ja kondukis al la nuntempo, kiu ĉiam estas la kulmino, „la bombono sur la torto” de la mirakla filmo, al kiu iu aĉetis por mi la bileton... La nuntempo estas mia unusola havaĵo, la vera trezoro, kiun multaj homoj vane serĉas aliloke... Sufiĉas ja bone malfermi la okulojn: ĉu vi ie vidis pli belan filmon? Kaj la nia estas interaktiva, ni povas mem influi ĝian historion, turni la stirilon... - Estas mia propra viv-filozofio („Filozofio de bona filmo”): mi por ĉiu tago klopodas skribi bonan scenarion, esti bona reĝisoro kaj filmisto de la „hodiaŭa ĉapitro”, esti bona kaj deca aktoro kaj samtempe atentema spektanto... - kaj mi povas diri sincere, ke la sorto min favoras kaj ke tio faras min kontenta.

***Ĉu tamen restas iuj neplenumigitaj revoj?***

Ne. La vivo kondutis al mi ĉiam grandanime kaj ĝi multfoje donis al mi tion, pri kio mi eĉ ne revis. En „mia filmo” ĉiutage okazas tute neatenditaj mirakloj, preter kiuj multaj spektantoj eble blinde preterpasas... Unu el tiaj „plenumitaj revoj” (ne: mi vere neniam eĉ revis pri io simila!) estas la fakto, ke mi fariĝis redaktoro unue de la tiel renoma kaj grava gazeto, kia estas Heroldo de Esperanto kaj ĉi-jare de la oficiala organo de UEA, legata en 115 landoj, revuo ESPERANTO. Ĉu ne estas mirakla favoro de la sorto, ke mi povas fari tiun laboron?

*intervjuis Katarína BODNÁROVÁ*

# La 54a IFEF-kongreso



*Ĝi okazis ekde la **1a ĝis la 7a de junio 2002** en la bulgara urbo **PLOVDIV**. Partoprenis ĝin 203 partoprenintoj el 16 landoj, inter ili prezidento de la kultura fervojista libertempa organizaĵo FISAIC s-ro Gilbert SCHMIT. La **solenan malfermon** de la kongreso partoprenis ankaŭ la vicurbestro de Plovdiv, la direktoro de la tiea fervojista administrejo kaj la vicministro de la transporta ministerio, kio substrekas atenton, kiun donas al ĉi regula okazintaĵo neesperantistaj fervojaj kaj lokaj instancoj.*

La **programo** estis kutime kongresa.

Dimanĉan **diservon** en la ortodoksa peĝejo „St. Ivan Rilski" servis en Esperanto la pastro Paŭlo el Kazanlak. Posttagmeza **ekskurso tra malnova parto de Plovdiv** gvidis inter alie al la loka antikva teatro kaj al la etnografia muzeo kun ties fama pentraĵo *Bazaro* de la ĉeĥo Markviĉka. La **urba vicurbestro** en la bela renesanca domo nomata Balabanovata kaŝta (Balabanova domo) akceptis proksimume kvindekon da kongresanoj.

La ***duontaga ekskurso*** gvidis al la urborezervejo KOPRIVŜTICA, la ***tuttaga ekskurso*** gvidis al la plej granda malnovtempa bulgara monaĥejo, mondfama Rila-Monaĥejo, kiu ricevis la internacian premion FIJET „La ora pomo" kaj troviĝas sub la protekto de Unesko.

Ankaŭ la **kultura programo** en la loka Kulturdomo de fervojistoj estis bunta: dum la ***nacia vespero*** dimanĉe multaj grupoj sursceneje plenumis klasikajn kaj popolajn muzikaĵojn, kantojn kaj dancojn. Dum ***Esperanta vespero*** lunde la fama Bulgara Esperanto Teatro prezentis „Inventon de l'jarcento" de Julian MODEST sub la reĝisorado de Teo JURUKOV. La muzika ***Distra vespero*** ĵaŭde prezentis buntkoloran bukedon el arta muzika programo de lokaj esperantistoj. Mankis nek la ***balo***, dum kiuj multaj ellernis kelkajn paŝojn el bulgaraj popolaj dancoj.

Tamen oni ne nur amuziĝis, sed ankaŭ serioze laboris.

Dum la **publika plenkunsido** oni pritraktis faritaĵojn kaj farendaĵojn, krome elektis novan IFEF-kasiston, kiu fariĝis Laŭrent VIGNAUD el Francio. La venontjara IFK okazos en la germana Dresdeno, por la jaro 2004 promesis hungara kaj aŭstria asocioj komune aranĝi IFK-on en la hungara Ŝopronj, por la jaro 2005 oni antaŭvidas kiel la kongreslandon Rumanio kaj por la jaro 2006 pretas organizi la kongreson Ĉinio - la unuan fojon en la historio de IFEF ekster la eŭropa teritorio. IFES - la Internacia Fervojista Skisemajno okazos dum la unua januara semajno en la ĉeĥa skicentro Kunčice pod Ondřejníkem. *Pri la venontjaraj IFK kaj IFES ni informos pli detale en la venonta numero de ES.*

Vigle laboris ankaŭ la **Terminara komisiono**, kiu krom prijuĝo de la agado de la landaj terminaraj sekcioj diskutis pri nocioj por multelementaj trakforkoj kun internaj kaj eksteraj relnadloj. La **ĉefa kongresa fakprelego** parolis pri la reformo en Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj kiel paŝo al integriĝo al la eŭropa transporta sistemo. Enkadre de la **fervojaj novaĵoj** prezentis Ludoviko SEKEREŜ prelegeton „Orienteŭropaj transportkoridoroj de Jugoslavio", pri la ligo inter fervojstransporto kun aŭtotransporto kaj faciligo de la veturado per komunaj vojaĝbiletoj prelegis Henning OLSEN el Danio, Jindřich TOMÍŠEK el Ĉeĥio parolis pri sekvoj de akcidentoj sur trakpasejoj. Bulgaraj gekolegoj parolis pri la fundamenta riparo de fervojlinioj kun la celo plibonigi la rapidecon de la trajnoj, kalkuloj pri la social-ekonomia efektiveco de la pasaĝertransportoj laŭ la merkatĉenoj, pri la kvalito de la pasaĝerservoj de la fervoja transporto, pri la specialiga priservado de malfacile moveblaj personoj, pri la variantorganizado ĉe la transporto de la pasaĝeroj kadre de la urbo Sofio dum la jaro 2002, pri la estrarperfektigo de fervojaj ŝarĝtransportoj kaj fine pri la muzeaj tradicioj en la bulgaraj fervojoj.

La **postkongreso** okazis post la fino de la IFK ***ĝis la 11a de junio 2002*** en la urbo ***Nesebar*** situanta sur duoninsulo de la Nigra Maro.

*Por la sukcesa kongreso, kiun akompanis ankaŭ bela somera vetero, tamen kun kelkaj pluvgutoj, oni povas danki al la organiza teamo surfrunte kun ties prezidanto Lazar KARAKAŜEV kaj al Veselka KAMBUROVA, prezidantino de la landa sekcio de FISAIC kaj de Bulgara Esperanto Fervojista Sekcio BEFS.*

*Magdaléna FEIFIČOVÁ*

## GOOGLE EN ESPERANTO

La famega motor-serĉilo Google pli kaj pli esperantiĝas. Vi povas konsulti ĝin en Esperanto en la paĝo: *http://www.google.com/intl/eo/*. Eblas per tiu paĝo rapide atingi la TTT-katalogon de *Google*, kiu entenas ligilojn al pli ol 2000 ttt-ejoj en Esperanto. Por tio alklaku *„Listo laŭ kategorioj"*. Eblas ankaŭ per tiu ĉi paĝo atingi la Novaĵgrupojn inter kiuj *„soc.culture.esperanto"*. Por tio alklaku *„Grupoj"*. Kaj fine, vi povas elekti Esperanton en la *„preferoj"* kaj poste ĉiuj paĝoj de google, eĉ la ĉefa eniro, en kiu vi povas fari tiun elekton, do *http://www.google.com*, estos legeblaj en Esperanto.

*Ĉu io raportinda? Informu en NUN: www.esperanto.se/nun/*

## RETA ENCIKLOPEDIO

*WIKIPEDIA* estas sistemo de retaj enciklopedioj en pli ol dudek lingvoj. Ekde la novembro 2001 funkcias ankaŭ versio Esperanta sub la titolo *Vikipedio*. Je la fino de hejmpaĝo de ĉiu el la enciklopedioj estas ligoj al la ceteraj lingvaj versioj, do ankaŭ al Esperanto.

*Kontaktu do: http://eo.wikipedia.com/wiki*

## LERNU ESPERANTON - SENPAGAJ KURSOJ DE POLA E-ASOCIO EN LA RETO

Jen la eblecoj, disponeblaj ankaŭ por vi: *www.esperanto.w.pl* (32 lecionoj por komencantoj) kaj *www.cursodeesperanto.com.br* (pola versio de la brazila kurso por komencantoj).

*Pliajn informojn volonte donos al vi la prezidanto de PEA Stanislaw Mandrak staman@ka.onet.pl*

## ESPERANTO-MUZIKO EN LA RETO

Muzikaj dosieroj MP3 kaj tekstoj troveblas ĉe:

- *http://www.esperanto.mv.ru/muziko/folkloro.html* (tendar-kluba rus-esperanta folkoro)
- *http//www.esperanto.mv.ru/muziko/inspiro.html* (kantas la ensemblo *„Inspiro"*).

*Kiel eligi kantojn: http://www.tekstoj.nl/esperanto/konsiloj.htm.*

## GESAMIDEANOJ!

Ni sentas grandan mankon de esperantistoj de via parto de la mondo ĉe la Esperanto-babilejo

*http://babil.komputilo.org.*

## ESPERANTO-MONUMENTO, -PLACO, -KAFEJO

Indas foje fari ekskursan viziton al ZEO-j en Graz, Aŭstrio. Ne estas vaste konate, ke urbocentre en la Placo Esperanto staras la Jubilea Monumento de E-o (Paŭl Neergaard, 1987), kaj tuj flanke malfermiĝis ankaŭ *Kafejo Esperanto*.




*Jam en la n-ro 3/1999 aperis en ĉi rubriko interesa kontribuaĵo de Magda ŠATUROVÁ pri la artikolo* ***la****.*

*Hodiaŭ ni intencas en la temo daŭrigi.*

1. La artikolo la **en la nomoj de festotagoj**: *La Unua de Majo, la Triunuo, la Kristokorpo, la Mortintoj, la senpeka koncipiteco de Maria, la Sankta Johano, la Sankta Ludoviko, la Tri Reĝoj,* ktp.
   ***Rimarko****: Konfuzo ne povas okazi kun la persono de sanktulo, ĉar en tiu okazo ne ĉeestus la artikolo. Se ni tamen volas pli klare distingi, ni povas skribi: la tago de la Sankta Johano.*
2. Se la maro, rivero aŭ monto estas nomataj nur per individuiga, sed **komunsignifa adjektivo**, oni uzas la artikolon: *la Ruĝa Maro; la Norda Maro; la Monto Blanka; la Altaj Tatroj; la Blua Rivero* (sed sen la artikolo: *Ĝeneva Lago*).
3. Kiam la propraj nomoj estas akompanataj de **epiteto**, oni uzas la artikolon: *Ludoviko la dekkvara; Johano Paŭlo la dua; Frederiko la granda; la larĝa Danubo; la bona Dio; la tuta Slovakio; la venonta dimanĉo; la proksiman ĵaŭdon.*
4. Kiam la propraj nomoj estas nomespimoj kun **anoncvorto**, oni uzas la artikolon: *la rivero Váh; la monto Kriváň; la reĝino Elizabeto; la prezidento Schuster; la urbo Žilina.*
5. La **titoloj de la klasikaj verkoj** regule alprenas la artikolon: *la Biblio; la Korano; la Odiseado.*
6. La **orientpunktoj** estas komunaj nomoj kaj alprenas la artikolon: *la sudo; la oriento.*
7. Antaŭ la **vicmontraj numeraloj**: *kaj la kvara estas Eŭfrato; januaro estas la unua monato de la jaro; hodiaŭ estas la 21-a de junio*. Simile: *la lasta saluto; la tuta mondo.*
8. La artikolo estas uzata en **superlativo de adjektivoj**: *la plej bela el ĉiuj; la plej saĝa el la klaso.*
9. En la **superlativ-signifa komparativo**: *ŝi estas la pli juna (el du fratinoj);* simile: *la pli forta el la manoj*.
10. Antaŭ la **posesivo**, se temas pri elekto de unu aĵo el inter pluraj similaj: *tiu libro estas la mia*.

*Vladimír NĚMEC*

# BONA VESPERO EN LA JANUARA RIVERO

*Dobrý večer (Bonan vesperon)! eksonis tra la salono de KKE en la Januara Rivero (kiel sonas la traduko de la nomo de la ĉefurbo de la samnoma brazila respubliko Rio de Janeiro, kiun portugaloj malkovris dum la unua januara tago opiniante, ke ili venis al delto de la rivero) kaj ni fulme returniĝis. Ne, ne estis pluaj slovakoj en ĝi, sed jen, loka esperantisto kun larĝa rido tiel alparolis nin kaj aldonis: „Mi ja sciis, ke ĉi vespere iu reagos ĉi tie je ĉi saluto!”*

*Jes. Dank' al Esperanto, dank' al amikeco, dank' al gastemo de Zilda kaj Almir ni sukcesis veni al ĉi urbo! Okazis tiel, ke unu jaron antaŭe ia brazilano retpoŝte demandis min, kiamaniere veturi el la aŭstra Vieno al la pola Krakovo. Mi rekomendis veturi tra Slovakio kaj instigis lin interrompi vojaĝon en Žilina, kie li estus devinta ŝanĝi la trajnon. Li akceptis kaj aŭtune Almir kaj Zilda el Rio de Janeiro restis ĉe mi kvin tagojn. Kaj ili estis tiel bonkoraj, ke ili tuj invitis min al Rio. Kaj mi, kiu ŝategas veturadon, tuj konsentis kaj akceptis.*

*Tiamaniere mi kun mia patro iam antaŭ la fino de la pasintjara aŭgusto ekstartis. Ni veturis el la hungara Budapeŝto tra la germana Frankfurto al la brazila Rio per la flugkompanio Lufthansa. Mi devas konstati, ke pli da tempo ni perdis per veturado al Budapeŝto ol per flugado mem, kiu cetere estis ege agrabla!*

*Almir kaj Zilda jam atendis nin en la flughaveno, per sia aŭtomobilo veturigis nin al sia „somera domo” (ĉar ili loĝas en alia kvartalo en „komunuma” domo) kaj ĉiutage dediĉis sian tempon al ni por konatigi nin kun Rio kaj ties ĉirkaŭaĵo, kaj memkompreneble, kun lokaj esperantistoj. Mi dufoje prelegis en lokaj kluboj kaj eĉ parolis en Radio RJ. En Rio en centro de la urbo funkcias tre bone ekipita Kultura Kooperativo de Esperantistoj (KKE) kun grandega biblioteko. Kaj la homoj estas bonkoregaj kiel ĉiuj esperantistoj. La aĝo estas de pensiuloj ĝis malgrandaj knabinoj Bruna kaj Maiara, infanoj de unu ano, kiuj ankaŭ iomete komencas lerni Esperanton. Kaj la anoj parolis bone Esperanton, almenaŭ tiuj, kun kiuj mi parolis, kaj tio aparte ĝojigis min.*

*Memkompreneble, ni vidis ankaŭ la statuon de Kristo (impona!) kaj Sukerpanon, Kopakabanon kaj aliajn plaĝojn, sed kiel turistino mi tre ŝatis viziton de la urba ĝangalo. Tamen la loka peraŭtomobila turismado kun preskaŭ tuta kuirejo en la kofro de aŭtomobilo ne estas kutima por ni. Pli interesis min proprapiede trairi almenaŭ unu el la turismaj vojetoj.... Krom en Rio mem ni faris ekskursojn al proksima urbo Petropolis kaj al la apuda urbeto Niteroi.*

*Rio estas grandega: la urbo havas proksimume dek milionojn da enloĝantoj - dufoje pli ol Slovakio mem! En ĝi estas multaj montetoj kaj la plej granda urba ĝangalo en la mondo. Ni ne forgesu longajn kilometrojn da plaĝoj, sed la akvo ne estis tro agrabla - estas golfo, kie la akvo, sufiĉe malpura, kirlas kaj fariĝas ondegoj. Brazilo mem ankaŭ estas fakte preskaŭ duono de la sudamerika kontinento. Sed interese, nur kvin procentoj da grundo estas kultivataj kaj en urboj vivas proksimume 80 procentoj da enloĝantaro.*

*En Brazilo oniulo povas tre ŝpareme vivi: estas varme, sekve ne estas bezonataj varmaj vestaĵoj, nek hejtado - almenaŭ por ni estis la brazila vintro tre agrabla. Ankaŭ oni ne kutimas demeti la ŝuojn venante al vizito - ĉar oni aŭtomobilas plej ofte, do ne estas kie malpurigi la ŝuojn. Se mi permesus al miaj gastoj eniri la loĝejon en ŝuoj, mi devus eble ĉiujare aĉetadi novan tapiŝon...*

*Tre plaĉis al mi la brazilaj domoj - plene kahelitaj - kiuj bone tenis ombron, kvankam ekstere estis sufoke. Interesaj estis la tolaĵaj manlaviloj, tiaj, kiajn ni jam delonge forĵetis.*

*Tamen ĉe ni ili estadis apartigitaj, ladaj (ligna kadro kun ondigita lado ene) - en Brazilo ili estas plej ofte plastikaj aŭ marmoraj kaj en unu peco kun lavujo. Ankaŭ en kuirejo malgranda truo en muro kun lada skatolo por kaŝi lavhelpilojn estis interesa. Nebona estis la akvosistemo, ĉar oni ricevas akvon nur du-trifoje en semajno kaj amasigas ĝin en grandegaj ujoj sur la tegmentoj, el kiuj ĝi venas tra doma akvokondukilo. Tamen verŝajne la akvopurigiloj bone funkciis, ĉar ni trinkis la akvon el akvokondukiloj, tamen ne malsaniĝis...*

*Faveloj - la loĝkvartaloj konstruitaj kontraŭleĝe, nigre, sur la grundoj sen posedantoj - ili estis ĉie. Oni povis vidi kaj belajn domojn, kaj domaĉojn kiel tiuj de niaj ciganoj. Sed laŭ la aserto de Almir la enloĝantoj ne estas tiom malriĉaj, ĉar ene la domoj estas bone ekipitaj per elektraĵoj kaj elektronikaĵoj kaj ekstere parkumas aŭtomobiloj. Verŝajne malbonas la leĝoj.*

*Lerneja sistemo estas senpaga (krom privataj lernejoj), oni havas senpagan busveturadon, manĝadon, lernilojn - tiel bone ni ne fartis eĉ dum nia socialismo! (Almir ĉiam furiozis, kiam mi tion diris :-)). Bedaŭrinde, la infanoj estas en lernejoj tutan tagon, sed verŝajne ne plu bezonas lerni hejme, eĉ ili ne portas tiel pezegajn aktujojn kun multaj lernolibroj kiel niaj infanoj.*

*Ankaŭ ne estas tia korupcio kiel ĉe ni. Almir diris, ke eĉ por fariĝi stratpurigisto oni devas subiĝi al konkurso kaj la laboron ricevos tiu, kiu estos la plej bona.*

*Tre bonaj estis la veturadprezoj. Ni tuj demandis pri turismaj biletoj, kiuj en Eŭropo estas iom pli favoraj kaj rabatitaj, sed en Rio tiaj ne ekzistis. Sed imagu, por busa veturado tra la tuta urbo ni pagis unu realon, do proksimume niajn dudek kronojn. En Žilina, kiu estas nombre multe malpli granda (nia loĝantaro devus dufoje eniri al Marakana-stadiono por plenigi ĝin...) mi pagas por eble trikilometra veturado ok kronojn, por la tuta urbo dek kronojn. Ankaŭ la metroo, trajno, ŝipo estis proksimume samkostaj, do prezoj ege elteneblaj por ni. Interese estis, ke ĉie oni povis eniri nur tra turniketoj, kiuj enlasis nur po unu homon kaj tiamaniere neniu povis enŝteliĝi. La biletojn la turniketo formanĝis, ne redonis, kaj tiamaniere oni ne povis vidi ilin forĵetitajn sur la tero. Ankaŭ en la buso estis deĵoranto, kiu prenis la bankbileton kaj enlasis la homon trairi turniketon.*

*Malagrabla estas la grandeco de la urbo - hejme mi ĉien povas veni piede - ekzemple de mia loĝejo al la fervoja stacidomo mi bezonas 25 minutojn, al mia laborejo rande de la urbo 35 minutojn piede. En Rio oni bezonas havi aŭtomobilon aŭ uzadi amasveturilojn. Sed kio estis eminenta: mia patro, kiu estas 67-jaraĝa, rajtis veturi senpage, nur surbaze de la legitimilo! Kvankam eksterlandano! Ĉe ni tiurilate estas ega diskriminacio - eksterlandanoj ne rajtas tiajn rabatojn, kvankam ankaŭ niaj aĝuloj havas similajn. Ankaŭ en zoologia ĝardeno mia patro ne devis pagi... Ĉe ni male: turistoj pagas en muzeoj, ktp., multe pli altan prezon, ol hejmuloj. Same en hoteloj - por la samaj servoj turistoj pagas multe pli. Kiamaniere klarigi al eksterlandanoj tion? Por ili ne komprenebla afero, ĉar unue ili ne povas imagi, ke eĉ la malalta prezo por nialandanoj estas ege alta, kaj due, ke niaj turismaj instancoj volas riĉiĝi je riĉaj okcidentanoj, por kiuj eĉ tiu pli alta prezo estas malalta. Sed klarigu tion al eksterlandano, kial li por la sama kvalito pagu pli! Nur unu slovakan groton mi konas, kiu faras almenaŭ iom saĝe: ili havas sufiĉe altan prezon la saman por enlandanoj kiel por eksterlandanoj, sed se eksterlandanoj volas havi tradukon en la germanan aŭ alian fremdan lingvon, ili devas pagi duoblon. Tion ili almenaŭ komprenas, ĉar pagante duoblon, oni ricevas servon de tradukisto!*

*Tre plaĉis al ni la nutradmaniero en bufedoj kun multaj pladoj, kiuj kvalite estis kiel niaj restoracioj. Ĝi estis por ni tre favorpreza (memkompreneble, hejme ni ne povus iri tiel ofte en restoracion, eĉ ne en bufedon, sed ne forgesu, ke ni libertempis!). Plej multe plaĉis al mi la sistemo, kiam oni kontraŭ kvar realoj povis plen-plenigi la teleron per diversspecaj bongustaĵoj. Almir ĉiam instigis min preni pli da viando, ĉar viando ja estas pli multekosta ol legomaĵoj, sed mi ne tro ŝatas viandon - do mi eĉ vivis malŝpareme :-). Alia sistemo estis prezo por cent gramoj, kie oni denove elektis el multaj pladoj kaj fine la deĵorantino pesis la plenigitan teleron kaj kalkulis la prezon. Alia ebleco estis manĝi kontraŭ proksimume sep realoj kaj oni povis regali sin el la pladoj ĝis plensatiĝo - sed tion ni ne spertis. Ankaŭ ni manĝis simple tiel, ke kontraŭ unu realo ni elektis ian simplan pastaĵon kaj unu trinkaĵon.*

*Matene ni ĉiam bonege matenmanĝis diversajn por ni ekzotikajn fruktojn, kiel estas ananaso, mango, avokado, bananoj, kiuj en nia lando estas multekostaj. Ni aldonis panon kun ŝinko kaj fromaĝo, kies prezoj estis similaj al slovakaj. Kaj eble pro trankvila vivo, eble pro varma vetero (ho, mi ŝategis varman brazilan vintron kun trideko da gradoj pluse) ni ofte ne bezonis manĝi vespere - kelkfoje eĉ tiel ni ŝparis. Tre plaĉis al ni la sabata frukt- kaj legombazaro kun favoraj prezoj kaj bunta propono de diversaj bongustaĵoj. Eĉ ĉirkaŭ la tagmezo eblis aĉeti kontraŭ donita prezo duoblon, eĉ trioblon da varoj. Interesa kaj nekutima por ni estis legoma kaj frukta busvendejo kun unu egala prezo por ĉio.*

*La fritita kokidaĵo, kiun oni povis aĉeti preskaŭ ĉiuangule, estis malpli multekosta ol en Slovakio. Kaj vidu la diferencon: La vendisto prenis aluminian ujon, en kiun li distranĉis la kokidaĵon, fermis per kovrilo, firmfermis en la aparato, metis en saketon, aldonis saketon kun fritita manioka faruno kaj tion ĉion faris kun larĝa rideto! Vidu nun nian vendiston: unuavice li NE donus la saketon kun faruno, se li vidus turiston, kiu ne scias, ke ĝi apartenas al la manĝaĵo, kaj ĝojus, kiel li ŝparis por si. Kaj la rideto? Niaj vendistoj tute ne scias, kio tio estas...*

*Kaj memkompreneble, krome ke ni ĝuis manĝaĵojn aĉetante ilin, kelkfoje Zilda kaj ankaŭ ŝia bofilino pretigis por ni bonegajn indiĝenajn manĝojn hejme...*

*Alia afero: ni aĉetadis en la loka grandvendejo Champion. Longegaj vicoj pro homoj kun plen-plenaj korboj (nur lastsemajne ni ekvidis, ke malantaŭ la angulo estas eble deko da kasoj por homoj kun malmultaj aĉetaĵoj...). Sed ĉiuj estis trankvilaj, kasistino lerte enkomputiligadis prezojn, helpis meti varojn en saketojn, se estis pli peza varo aŭ vitraĵo, ŝi duobligis la saketon. Niaj kasistinoj tute ne helpas meti varojn en sakojn, ili eluzas la tempon kiel paŭzon por si. Sakon plej ofte oni devas aĉeti, nur en vendejego Tesco oni aŭtomate donis sakon al aĉetaĵoj, sed se oni hazarde petas la duan sakon, la kasistino donas ĝin kun tia mieno, kvazaŭ ŝi devus doni el propraĵo. Ankaŭ alia hontinda afero: ĉe ni oni ĉe kasoj kontrolas enhavon de aktujoj! En Champion oni metis aliajn aĉetitaĵojn en plastikan sakon, kiun oni firmfermis. Post nia reveno al Slovakio estis malfermitaj novaj vendejegoj de Tesco, Kaufland kaj Carrefour, kaj tie mi jam konstatis simile civilizan agadon kiel en Brazilo.*

*Do, konklude: Brazilo por ni estis varma, ĉarma, gastama, malmultekosta. Nur la prezo por veturbileto kaj vizoj estis alta, pro tio ni ankaŭ petis niajn gastigantojn, ke ni rajtu resti dum tri semajnoj (eĉ la atakon al la novjorkaj Ĝemeluloj ni povis sekvi per la brazila televizio kaj timis, ĉu ni povos reveturi - se eble oni fermos ĉiujn flughavenojn...).*

*Plaĉis al ni la trankvila vivo en la suna Brazilo - tamen eble ni rigardis ĝin tra tro rozkoloraj turismaj okulvitroj...*

*Fejfi*

## Milan ZVARA

Ĉi elstara slovaka esperantisto, prezidanto de Slovakia Esperanta Federacio kaj bona homo, kiun konis la tuta E-mondo, mortis en Poprad la **30an de januaro 2002**. Li dum multaj jaroj laboris kiel esperanta funkciulo, krome li estis ankaŭ skolto, turisma gvidanto, naturamiko. Multajn li akompanis dum ekspedicioj tra Eŭropo, multaj vizitis kun li interesajn esperantajn aranĝaĵojn kaj preskaŭ ĉiuj manĝis bonegajn fungojn de li.

La lasta adiaŭo kun Milan okazis la 1an de februaro en la tombejo de Poprad kaj partoprenis ĝin krom granda familio ankaŭ skoltoj, esperantistoj, naturamikoj, civitanoj de la urbo kaj multaj amikoj.



En lia personeco ni perdis ne nur esperantiston, sed precipe grandan homon kun granda koro amanta homojn.

La forpaso de eterne nia samideano Milan Zvara estas grava bato por E-movado.

Milan, honoron al via memoro! Ni neniam forgesos vin.

## Katarína PRETSCHNEROVÁ,

propranome Zaťková, nia fidela longjara aktivulino en Bratislava, forlasis nin por ĉiam la **20-an de aprilo 2002** en la aĝo de 95 jaroj.

Ŝi estis instruistino de la slovaka lingvo kaj post sia emeritiĝo ŝi dum multaj jaroj instruis Esperanton en la klubo de emeritaj instruistoj. Ofte ŝi kontribuadis al kulturprogramoj de la E-klubo en Bratislava per prelegoj pri slovaka kaj Esperanta poezio. Per siaj kontribuaĵoj, kiujn ŝi preparis kune kun sia edzo, s-ro Ján Pretschner, kiu mortis en la jaro 1976, ŝi pliriĉigis niajn klubajn kunvenojn.



Kun estimo ni rememoras nian neforgeseblan amikinon, esprimante al ŝi nian dankemon, preĝante, ke Dio donu al ŝi eternan ripozon kaj pacon.

## Eva BENICKÁ,



propranome Baŭmgartnerová, naskiĝis en Budapešto la 4-an de septembro 1921. Plurajn jardekojn ŝi vivis en Koŝice, kie ŝi en la jaro 1977 esperantistiĝis kaj baldaŭ mem instruis la lingvon en la urbaj kursoj kaj en la jaro 1984 dum Somera E-Lernejo en Jasov. Ŝia lernolibro Esperanto Esperante estas verkita pure en Esperanto uzante la Cseh-metodon.

Ŝi por ĉiam forlasis nin la **4-an de aprilo 2002**. La lasta ripozejo de ŝia cindro estas en la publika tombejo en Koŝice.

Honoron al ŝia memoro.

**LEGENDOJ PRI LA ALTAJ TATROJ**

*„Belege estas en Tatroj,*
*tie supre sub la Poprada Lago”*
*estas la vortoj de la fama kanto kaj poemo samtempe.*
*Ĉi-somera vizito de niaj „etaj Alpoj”*
*inspiris min prezenti al vi kelkajn lokojn*
*pere de priaj fabeloj.*
*Nun vi legos pri Tri putetoj (Tri studničky)*
*kaj pri Kurbulo (Kriváň).*
*Tri putetoj*
*estas loko proksime de la vilaĝeto Podbanské.*
*De tie gvidas verda turisma signo*
*al la monto Kurbulo 2494 metrojn alta.*

***Fabelo pri Tri Putetoj***

La loka arbaristo post la morto de sia edzino denove edziĝis. Kun la alveno de duonpatrino al la arbaristejo sub Kurbulo komenciĝis malfeliĉa periodo por la filinoj de la arbaristo Marinjo kaj Zuzanjo. La nova arbaristino tute ne zorgis pri la knabinoj. Anstataŭ amo kaj komprenemo ŝi havis por ili nur batojn kaj insultvortojn. Foje ŝi sendis Zuzanjon alporti akvon. La knabino rimarkis ĉe la puto lamantan virkapreolon kaj komencis flegi lian vunditan piedon. Post nelonge ankaŭ Marinjo helpis sian fratinon. Kiam la knabinoj ne alvenadis hejmen, la malpacienca arbaristino eldiris malbenon, kiu tuj plenumiĝis. La filinoj de la arbaristo tuj malaperis kaj ĉe la arbaristejo ne estis nur unu, sed subite tri putoj. La akvo, kiu elfluas el ili, estas onidire la larmoj de la malfeliĉaj knabinoj el la arbaristejo sub Kurbulo.

***Kial estas Kurbulo kurba?***

Laŭ la legendo Dio sidiĝis la sepan tagon de la mondkreado kaj pensis pri la kvalito de sia verko. Tial li alvokis sian plej lertan anĝelon kaj ordonis al li ĵeti sur la mondon sakon da naturbelaĵoj. La anĝelo beligis landon post lando kaj atingis ankaŭ la aron da tatraj montopintoj. Sed li subtaksis iliajn altecojn kaj per sia flugilo tuŝis unu montosupron. La sako plenigita per naturbelaĵoj disŝiriĝis kaj sur la rokajn montopintojn elŝutiĝis belegaj arbaroj, herbejoj, torentoj kaj montaraj lagoj. El la sako alkuris al la montara lando marmotoj, ĉamoj, kapreoloj kaj multaj aliaj bestoj. La montaro, poste nomita Tatroj, ricevis tiom da naturbelaĵoj, kiel nur malmultaj lokoj en la mondo. La montopinto, kiu estis survoje de la anĝelo, kurbiĝis pro la kolizio kun la neatentema „aviadisto”, do ne estas surprizo, ke ĝi ricevis la nomon Kurbulo.

*tradukoj de Jarmila RECHTORISOVÁ*

## ŜANĜO DE LA DATO DE ĈEA-KONGRESO

La deka kongreso de ĈEA estis planata al la dato 2002-11-22/24. Bedaŭrinde nur post la publikigo de la dato ni eksciis, ke ekde la 21-a ĝis la 22-a de novembro okazos en Prago la pinta kunveno de NATO kaj ke jam nun estas preparataj kaj grandaj planoj de ties defendo unuflanke, kaj de internaciaj protest-aranĝoj duaflanke. Kiu travivis en Prago la konferencon de la Monda banko, ne miros, ke ni, esperantistoj, respektante nian malfortecon kompare kun NATO, cedis.

Do: la nova dato de la 10-a kongreso de Ĉeĥa Esperanto Asocio en Prago kunigita kun la solenaĵo de 100-jara datreveno de Praga E-klubo okazos de la 15-a ĝis la 17-a de novembro 2002.

*Pli precizajn informojn kaj aliĝilojn vi povos baldaŭ trovi en la TTT-paĝo de ĈEA (www.kuk.cz/cea) aŭ de Starto (www.slavis.cz/starto).*

## IBIRE'02 kaj KAEST'02

**Internacia biciklista renkontiĝo IBIRE** okazos en Dobřichovice (CZ) ekde la 10-a ĝis la 15-a de septembro 2002. La aranĝo konvenas kaj por spertaj kaj por malpli spertaj biciklistoj, eĉ la piedmarŝantoj trovos siajn celojn. Krome okazos tuttaga senbicikla trarigardo de Prago.

**Konferenco Aplikoj de Esperanto en scienco kaj tekniko KAEST** okazos sub aŭspicioj de Universala E-Asocio en Dobřichovice (CZ) ekde la 8-a ĝis la 10-a de novembro 2002. En la sekcio A oni pritraktos elektronikajn rimedojn, en la sekcio B terminologiajn problemojn de fakaj aplikoj de Eo kaj en la sekcio C aplikojn de Eo en scienco kaj tekniho ĝenerale.

*Pli precizajn informojn bv. peti ĉe: Petro CHRDLE, Anglická 878, CZ-252-29-DOBŘICHOVICE (aŭ sur la interreta paĝo www.kava-pech.cz aŭ rete je la adresoj: chrdle@kava-pech.cz respektive kaest@kava-pech.cz).*

## ARANĜOJ EN ÚSTÍ nad Labem

La **15-a Internacia kultura Festivalo** jam tradicie dediĉos sian solenan kulturan vesperon al la rememoro de ĉeĥaj Esperantaj verkistoj Jiří KOŘÍNEK el Ústí n/L. kaj d-ro Tomáš PUMPR el Prago okazos **ekde la 4-a ĝis la 6-a de oktobro 2002**. Krome la diskuta temo de la antaŭtagmeza sabata matineo rilatos kulturan sferon kaj historion de E-movado kaj en *Ruĝa preĝejo* okazos homaranisma spirita koncerto kaj la ekskurso gvidos en la kastelon Velké Březno.

La **22-a Ĉeĥa-Saksa tago** kun adventa vigilio okazos la **7-an de decembro 2002** ekde la 9.30 horo en Urba muzeo.

*Pli precizajn informojn bv. peti ĉe: Miroslav SMYČKA, Kojetická 90, CZ-400 03-ÚSTÍ n/Labem, telefono: 00420/47/553-2417.*

## KIU SEKVOS?

Multaj raraj verkoj de E. V. Tvarožek restis neeldonitaj. Tial SKEF decidis kolekti donacojn por ebligi ilian publikigon. Ĝis nun kontribuis: H. Serešová (200 Sk), M. Wertlenová (100 Sk), A. Dvořáková (100 Sk), J. Rechtorisová (300 Sk), M. Šaturová (100 Sk), M. Tomašovičová (100 Sk), A. Komlóšiová (200 Sk), L. Gombos (100 Sk), I. Černá (100 Sk), P. Baláž (200 Sk).

*La mondonacojn kolektas: Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Ul. kpt. Uhra 9, 915 01 NOVÉ MESTO nad Váhom*

## NOVA KANTLIBRO

S-ano Geleta ĵus pretigis E-an kantlibron kiu enhavas 113 plej konatajn kantojn elektitaj el aliaj 35 kantlibroj. Kun notoj.

*Prezo: 150 Sk*

# IKUE EN KOMÁRNO-FAKULTATO

***Mesaĝo al la reta listo IKUE***

*Estimatoj! Karaj amikoj!*

*La Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino, kies prezidanto mi momente estas, planas starti jam en la unua septembra semajno 2002 interkulturan universitaton en la bela urbo Komárno, kiu situas ambaŭflanke kaj de la Danubo kaj de la slovaka-hungara ŝtatlimo. La universitaton komence konstituu tri fakultatoj:*

- *bazoscienca fakultato, kiu priokupiĝu unuavice pri sciencreviziaj laboroj kiel ekz. plurlingvaj terminologioj, enciklopedioj, scienchistorio ktp.,*
- *fakultato pri kulturprotektado kaj eŭrologio (en ĝi estas planita la instruado al estontaj instruistoj en la sep minoritataj lingvoj agnoskitaj en la slovaka respubliko) kaj*
- *fakultato por interkultura dialogo.*

*En ĉi tiu tria fakultato temu laŭ nia espero unuflanke pri tradukado el klasikaj lingvoj de mondreligoj en modernajn lingvojn kaj pri kompara religio-scienco, aliflanke pri teorio de tradukado, interlingvistiko kaj instruado al tradukistoj skribaj kaj buŝaj inter la lingvoj de la Eŭropa Unio inkluzive la por ĝi proponitaj neŭtralaj lingvoj (la Latina, la Internacia Lingvo de Doktoro Esperanto kaj, kiel ankoraŭ diskutata, eventuala variaĵo de ĝi, la „Eŭropia").*

*La unua iniciato al la tria fakultato venis el laŭŝajne monhava institucio por tradukado de la Biblio el la malnovgreka kaj la hebrea lingvoj. Analogaj kontaktoj al judaj kaj muslimaj kleruloj liberalaj same kiel al la tri veturiloj budhismaj estas planataj. Laŭ mia konvinko la tuta fakultato nur havas sencon, se ni sukcesos partoprenigi ankaŭ klerulojn, kiuj reprezentas la oficialajn esperantistajn grupiĝojn de la diversaj religoj kaj konfesioj, do unavice IKUE, kiu ŝajnas al mi la plej forta de ĉiuj tiuj grupiĝoj.*

*Nia ĉefcelo, ebligi dialogon anstataŭ batalon inter la religioj, ja konformas al la idealo de la piaj esperantistoj el ĉiuj religioj.*

*Bedaŭrinde al mi mankas la necesaj kontaktoj al kunlaborpretaj kaj fake kaj lingve kunlaborkapablaj personecoj el IKUE. Ĉu vi povas helpi al mi - prefere tuj per plusendado de ĉi tiu mesaĝo al kompetentaj sciencemuloj el via movado? Aŭ ĉu vi opinias, ke la ideo estas senutila?*

*Anticipe dankante, vin tre afable salutas via*

*Prof. Dr. habil. Helmar FRANK*

*NDLR: Ĉu pri tio ankaŭ KELI havus forton?*

# ARKOKRUCENIGMO de Stano Marček
# KUN KAŜITA PROVERBO




DEKSTREN AL LA CENTRO:
1. Cilindroforma dratvolvaĵo. 2. Pafilega. 3. Malforta lumo. 4. Eksido. 5. Artefarita akvovojo. 6. Itale „finita” 7. Insektomortiga fumblovo. 8. Virnomo. 9. Fosilia rezino. 10. Malmulte vila. 11. Denova diro aŭ faro. 12. Konservita per salo. 13. Aro da koroj. 14. Loĝanto de nia planedo. 15. Aro da karboŝaktoj. 16. Primitiva kanuo.

MALDEKSTREN AL LA CENTRO:
1. Mara rabisto. 2. Duelementa, dukompona. 3. Sankta libro de islamanoj. 4. LA UNUA PARTO DE LA KAŜITA PROVERBO. 5. Granda astro. 6. Japana vesto. 7. Delikata ŝnureto. 8. LA DUA PARTO DE LA KAŜITA PROVERBO. 9. Juneco. 10. Virnomo. 11. Alvenigito per voĉo. 12. LA TRIA PARTO DE LA KAŜITA PROVERBO. 13. Parto de vorto. 14. Malgranda preĝejo. 15. Peceto de lina teksaĵo. 16. LA KVARA PARTO DE LA KAŜITA PROVERBO.



*La premiito por la krucenigmo el* ***ES 2-3*** *estas Tibor KEPENCAY el Dunajská Lužná.*
***„Ne ĉiuj papagoj parolas, multaj papagoj skribas”*** *estis la kaŝfrazo.*
*Premion por la ĝustaj respondoj je demandoj el* ***SPUROJ*** *ricevos Ladislav GOMBOS el Janík.*
*La respondoj devis esti: 1.* ***la 21-an de septembro 1888 en Kostolište,***
*2.* ***en la vilaĝo estas memortabulo sur la naskiĝdomo kaj aparta malgranda muzeo,***
*3.* ***en Nacia tombejo en Martin.***

